Esperanto servu pacon!

AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1978/79 №2(56) Oktobro

## EK AL LA LABORO!

Jen finiĝis la someraj aranĝoj, finiĝis la feriado kaj ripozo, kaj denove: ek al la laboro!

Ne timu la vortojn "novaj kondiĉoj", laboru kiel vi laboris - en la novaj kondiĉoj ja estos ni mem, kaj de nia laboro dependos la stato de E-movado en nia lando. H.Tonkin trafe diris dum la malferma kunsido de la 63-a UK: "Ni laboras kune, ni laboras por idealo, kaj tiu idealo estas Esperanto. Kaj pro Esperanto ni devas absolute kunlabori. Ni devas kunigi niajn fortojn, ĉar Esperanto tion meritas...".

Ĉiuvespere demandu vin mem: "Kion mi faris hodiaŭ por la Movado?". Kaj se vi dediĉos almenaŭ 20 minutojn al Esperanto ĉiutage, la forto de nia nobla agado rapide duobliĝos. Serĉu en vi talentojn: se vi kapablas traduki - traduku, se vi povas verki - verku, se vi povas trafe propagandi - propagandu! Vi ja ĉie estas inter homoj, homoj diversprofesiaj, kun diversaj interesoj. Informu ilin pri nia movado, instruu al ili la lingvon - kaj ankaŭ iliajn kapablojn rikoltos E-movado.

Dum la informado estu singardaj, neniam troigu kaj fanfaronu, saĝe argumentu, konsiderante la socian tavolon, al kiu vi informadas. Jam antaŭlonge V.I.Lenin avertis: "...oni devas lerni tre singarde kaj pacience alproksimiĝi al amaso, por scipovi kompreni specifajn interesojn, specifajn ecojn de psikologio de apartaj tavoloj, profesioj k.a." (V.I.Lenin, Plena Verkaro, v. 41, p. 192). Kaj se vi agos tiel, vi pli rapide trovos kontakton kaj povos pli efike influi la homojn al la lernado de Esperanto.

Bazu vian laboron sur dorsoj de tri elefantoj: saĝa informado, kvalita instruado, interesa kaj vigla kluba agado - tiam sukcesoj ne restos flanke.

La ĉefa temo de la 63-a UK estis "Internacia lingvo - internacia edukado". Do ankaŭ ni en nia agado akcentu la internacian laboron en la kluboj kaj rondetoj. Trovu KID (klubojn de internacia amikeco), en kies kadroj vi povos fruktodone agi, kunlaboru kun komsomolaj instancoj. Gvidantoj de la kluboj dediĉu apartan atenton al edukado de la klubanoj en la spirito de proleta internaciismo kaj soveta patriotismo. Aranĝu prelegojn pri la temoj, organizu turismajn marŝojn, aktive partoprenu la tutsovetian ekspedicion "Mia Patrolando - Soveta Unio". Vi gajnos multoble: unue vi firmigos la kolektivon de via klubo, due floros laboro de internaciisma edukado, trie vi povos konvinki la instancojn pri viakluba soci-utila laboro.

Esploru, kiajn eblecojn vi havas, kiel vi povas pere de Esperanto kaj esperantistoj kontribui al la soci-utilaj aranĝoj de lokaj komsomolaj organizaĵoj kaj sindikatoj. Kompilu laborplanojn (perspektivajn kaj kurantajn) kaj laŭ ili ekagu!

Por fari vian laboron fruktodona, nepre konatiĝu kun sperto de aliaj kluboj de SEJM, kunlaboru kun ties fakoj kaj servoj, starigu firmajn kontaktojn kun la ĝemelurbaj kluboj.

Ek al la laboro!

A.Medinŝ, unua vicprezidanto de SEJM.

ANALIZANTE LA SOMERON

Jam forpasis la varmaj someraj tagoj, kaj venis tempo analizi niajn aranĝojn. Ĉi-somere ili abundis: la 12-a SEJM-Konferenco en Apudmoskvo, "Esperanto kaj Naturo -IX" en Estonio, OrSEJT-20 en Altajo kaj OkSEJT-20 en Dagestano.

Ĉi tie temos pri la Okcidenta SEJT, kiun akceptis aŭguste la gastama tero de Rasul Gamzatov - la monta Dagestano. Kvankam la dagestana esperantistaro ne estas multnombra, multo estis farita dum la prepara periodo de OkSEJT-20, kaj kompare kun la pasintaj tendaroj la programo estis pli riĉa kaj pli bone pripensita. En tio helpis la vicprezidantino pri renkontiĝoj L.Novikova kaj aliaj aktivuloj. Tamen tre grava manko de la Prepara Komitato estis, ke la organizo de la okazontaj tendaraj aranĝoj ne estis anticipe distribuita al kluboj aŭ eĉ individuaj respondeculoj. Ne estis plene uzita por tiu afero la grupo, veninta je kelkaj tagoj pli frue (A.Kogan, S. Smetanina, V.Ilkajev, I.Valina).

La tendaro pasis meznivele. Necesas noti, ke sufiĉe bone funkciis sub gvido de A.Vaitilaviĉius (Vilnius) la E-Universitato, en kies kadroj okazis interesaj prelegoj de S.Kuznecov, V.Kulikov k.a. En bona ritmo, gaje kaj interese pasis KGS, "Hej do, junuloj!", "Hej do, junulinoj!". Senteblis anticipa serioza prepariĝo flanke de la gvidintoj kaj partoprenintoj. Laŭtvoĉa gaja rido longe sonis en la spektejo inter noktaj montoj. Multajn impresis Dagestana vespero kun partopreno de kelkaj lokaj poetoj, festo de naskiĝintoj; Orienta koncerto, ekskurso al Ĉirkeja HES, rakonto de V.Aroloviĉ pri la UK en Varna.

Modelan aktivecon dum la tuta tendara periodo montris la kluboj de Ivanovo, Kievo, Miass, kies anoj partoprenis ĉiujn aranĝojn, estis iniciatintoj de multaj tendaraj programeroj. Dank' al la miassanoj aperis multaj novaj kantoj. Ĉiam ĝojigas nin, kiam al E-tendaroj venas malnovaj aktivuloj kaj donas sian valoran kontribuon, ĉifoje tiuj estis V.Kulikov, D.Kolker, J.Zajdman, G.Lenskaja, V.Ilkajev, M.Lineckij, A.Patatjan. Laŭdinda estas la apero sur la E-scenejo de novaj nomoj: G.Mitrofanov (Taganrog), S.Prudko kaj A.Ĥoruĵij (Kievo), L.Katajeva (Miass). Brave sin montris la tuta odesa grupo.

Laŭ mia opinio, sukcese pasis la paroliga kurso, kiu funkciis 2 - 3 horojn ĉiutage. La programo estis varia kaj multenhava. 70% de la kursanoj plenumis la ekzamenon kun la noto "perfekte". Aparta Paroliga Periodo ĉi-tendare ne okazis kaj ne estis planita pro kelkaj kaŭzoj.

Unue, Prepara Komitato tre malfrue dissendis la aliĝilojn. Neniu sin anoncis por E-instruado. La Instrua fako ne ricevis liston de kandidatoj por instruado (la organizantoj ne insistis kaj neniun devigis), nek instrukciojn.

Due, laŭ anticipaj kaj dumtendaraj avertoj de A.Junusov ne eblis malproksimiĝi de la tendarejo eĉ je 1 - 2 km sen lokaj esperantistoj. Kaj tiuj mankis por ekipi la grupojn: ja en la klubo de Maĥaĉkala entute estas 5 - 6 personoj.

Trie, por ĉi tiu tendaro la paroliga kurso montriĝis sufiĉa. El 120 tendaranoj estis nur 30 komencintoj. Multaj el ili havis plimalpli mezgradan lingvokapablon, kaj kun helpanto mi sukcesis gvidi la tutan grupon. Se estus pli ol 40 - 50 komencintoj, la Paroliga kurso, kia ĝi estis ĉi-foje, estus malpli efika.

Ĝenerale, la lingva nivelo de la tendaranoj estis sufiĉe alta kompare kun kelkaj pasintaj tendaroj. Brile estris la Verdan milicon A.Patatjan (Jerevan), li sprite prezentadis la aŭditajn krokodilaĵojn dum la matenaj kunvenoj. Malmulteco de "krokodiloj" estas tre envíinda fakto por multaj E-aranĝoj. Ni ne povas diri, ke ili tute ne ekzistis, sed aroga krokodilado (kiel en Tiĥvin aŭ Poltava) tute ne sonis. De tiu ĉi vidpunkto akceptu riproĉojn de Tendara

Estraro nur la kluboj de Doneck, Kujbiŝev kaj parte Vilnius.

Kaj nun ni parolu pri la negativaj flankoj de la tendaro. Ripetiĝis eraro de OkSEJT-19: pri multaj aranĝoj okupiĝis la samaj 3 - 4 personoj. Kaj pro tio dekoj da aliaj tendaranoj ofte enuis, vagadis tra la tendarejo oscedante kaj nenion farante. Mi pensas, ke tio estas kulpo malpli de la Tendara Estraro ol de la Prepara Komitato, kiu havis submane ĉiujn aliĝilojn kaj povus laborigi elmenaŭ la plej amasajn grupojn el fortaj kluboj. La tendarestro A.Junusov malmulte zorgis pri la programo, ofte forestis aŭ okupiĝis pri "ĉasado" de aborigenoj, kiuj vere konstante embarasis nian ekzistadon.

La loĝkondiĉoj ne taŭgis por E-tendaro, ili eĉ malfavoris al la tendara vivo kaj disciplino. Teritorio de pionirtendaro, proksimeco de infanoj ne estus dezirindaj por niaj estontaj aranĝoj. Mankis naĝakvo, tio estis unu el kaŭzoj de abundego da libera tempo. Estis tre malfacile efektivigi la matenajn tendarajn erojn , kiam la suno, kvazaŭ speciale, turmentis la homojn. Ja ni venis el diversaj anguloj de Sovetunio ne por ricevi sunfrapon aŭ "rostiĝi" dum la E-perfektiĝo.

Eble ĉio ĉi estis preparo al tendaroj en novaj kondiĉoj, kiujn ni ĉiuj malpacience atendas?.. Verŝajne, ne tiom kulpas la organizintoj, sed ni konsideru ĉion por estonto. Bona laboro devas koincidi kun agrabla ripozo.

Krome, tiom sovaĝa regiono ŝajne ne estas bona por E-tendaroj. Estis simple malagrable vivi kun konstanta akompano de timo aŭ averto esti "kaptita", "forŝtelita" ktp.

Kaj la lasta, sed la plej grava atentigo. Estas tro longa (12 tagoj!) la tendara periodo, kiu ne enhavas PP nek Konferencon. Vere tede - eĉ por novicoj... Bone, ke estis multe da aktivuloj, sed se okazus male?

Necesas mencii gravan fakton: la solenan malfermon partoprenis la unua sekretario de la urba VLKSM-komitato el Maĥaĉkala, funkciuloj de lokaj komsomolaj instancoj. Oni filmis la malfermon kaj la mitingon, dediĉitan al la 60-jara jubileo de VLKSM kaj la XI-a Mondfestivalo en Kubo, por Dagestana televido. La tendaron vizitadis korespondantoj de loka radio kaj gazetaro, aperis kelkaj artikoloj kaj unu radioelsendo. Imitinda ekzemplo por niaj venontaj aranĝoj!

Grandan laboron por efektivigi la tendaron faris M.Aĥlakov, Z. Aĥlakova, N.Malceva kaj aliaj maĥaĉkalanoj. Sed ankaŭ nia veno devas reciproke helpi al disfloro de E-movado en Dagestano! Dank' al OkSEJT-20 multaj loĝantoj de Dagestano eksciis pri Esperanto, pri la agado de niaj kluboj. Ne forgesu sendi po unu ekzempleron de la artikoloj, aperontaj en viaj urbaj, regionaj, uzinaj ĵurnaloj pri Dagestana tendaro, al la urba komitato de VLKSM en Maĥaĉkala aŭ al A.Junusov.

Estas tre bone, ke la organizontoj de OkSEJT-21 jam konsideris kaj serioze pridiskutis ĉiujn pozitivajn kaj negativajn flankojn de ĉi-jara tendaro, kompilis plurajn rekomendojn kaj sugestojn por sia estonta laboro. Kiel oni diras: nin instruas eraro, kiun faris najbaro! Esperu ni je pli bonaj kondiĉoj kaj bondeziru multajn sukcesojn al la nova Prepara Komitato de OkSEJT-21!

S.Smetanina, ano de la Tendara Estraro de OkSEJT-20.

## KIEVA SPERTO DE ESPERANTO-INSTRUADO

La bezono pri efika reproduktado de esperantistoj ĉiam aktualigas la problemon de E-instruado. La lasta estas komplika kaj multfaceta kaj tial nesolvebla radikale unufojon por ĉiam. Necesas konstanta sistema laboro, serĉado kaj eksperimentoj.

Konsiderante tion, kievaj esperantistoj jam ekde 1972 sistemece

eksperimentas kaj serĉas vojojn por pliefikigi E-instruadon. Bazo de la eksperimentado estis elementaj E-kursoj en Kieva Domo de Sciencistoj, klubo "Konstruisto", klubo de Kieva Unuiĝita VEC kaj en kelkaj altlernejoj. Multaj personoj partoprenis la eksperimentojn, eĉ ne ĉiam konsciante tion. Do, post preskaŭ 7 jaroj estas akirita certa sperto kaj eblas fari kelkajn konkludojn. Ĉion ĉi ni opinias utila prezenti al niaj kolegoj. Enkadre de USEA tio jam parte estis farita dum la seminario pri E-instruado en la IV-a konferenco de ukrainiaj esperantistoj. Tamen ankaŭ por la tutsovetia esperantistaro tio niaopinie estos utila.

Ĉefaj aspektoj de nia eksperimenta sistemo estas skize jenaj: 1) enketado, 2) lerniloj, 3) instruistoj, 4) pripago, 5) daŭro, 6) lernejoj, 7) ekzameno, 8) atesto, 9) gradigo, 10) sistemigo. Ni analizu ilin laŭvice.

1. Ekde la komenco ni enketiĝas la kursanojn, preparinte por tio specialan detalan enketilon. Kvankam plimulto ne emas enketiĝi, la arango estas tre utila por formado de homogenaj grupoj (kio dume ne estas realigebla), por ellaboro de instruad-metodikoj kaj por konscia ellaboro de varbad-strategio. Dum la konsiderata periodo estis aranĝitaj 20 kursoj kaj enketitaj pli ol 500 kursanoj. Tiu kvanto jam estas sufiĉa por statistika analizo laŭ diversaj kriterioj. Tian analizon ni eventuale baldaŭ prezentos.

2. Nekontestebla estas la rolo de lernolibro kaj vortaro, tamen ni ne disponas pri ties varieco por elekti. Komence ni uzis la multobligitan lernolibron de A.Kerner "12 lecionoj" kaj la multobligitan vortaron de I.Sergejev el "Bazo de Esperanto", kiujn ni disdonadis al la kursanoj. Tamen tiu agmaniero evidentiĝis malefika, ĉar ofte la kursanoj forlasis la kursojn, opiniante, ke ili povos aŭtodidakte ekposedi la tiel facilan lingvon. Post tio ofte perdiĝis kaj la kursano, kaj la lernilo, ĉar multaj ne posedas sufiĉan sperton por aŭtodidakti. Tial ni decidis ne plu disdonadi lernolibrojn, sed nur la vortarojn. Tio iom malfaciligis laboron de E-instruisto, sed disciplinigis la kursanojn por vizitado. Poste niaj E-instruistoj uzadis ankaŭ la lernolibron de B.Kolker "IL Esperanto", kiel pli perfektan metodike, aliajn lernolibrojn (ekz. tiun de A.Pettyn) kaj ankaŭ aŭd-vidan metodon.

3. Grava problemo estas bona E-instruisto. Kutime oni konsideras, ke ĉiu posedanto de la lingvo povas ĝin instrui. Tio estas gravega eraro. Ofte estas preferinde tute ne instrui, ol instrui malbone. Ĉar ni ankoraŭ ne disponas pri sistemo de preparado de E-instruistoj, nur naturdotitaj por instruado esperantistoj estas bonaj instruistoj. Multaj kievaj esperantistoj provis instrui dum la konsiderata periodo, plej efike instruis M.Lineckaja, H.Oniŝĉenko, M.Lineckij. Notinda estas la fakto, ke bona instruisto sen konscia metodiko, intuicie povas atingi pli bonan rezulton, ol aimita per bona metodiko nesperta aŭ nekapabla instruisto. Konklude: rekomendi instruistojn necesas tre atente.

4. Ekde la komenco de la eksperimento ni klopodis aranĝadi pagatajn kursojn. Pagataj kursoj estas pli aŭtoritataj, disciplinigas la kursanojn por pli akurata vizitado kaj ofte favorigas la tegmentan instiitucion. Bedaŭrinde ne ĉiam ni sukcesis ĉi-rilate pro diversaj kaŭzoj. Tamen ni akiris materialon por komparo, kiu klare indikas pliefikecon de pagataj kursoj. La pago por la tuta kurso, pagenda nepre komence de la kurso, estis 5, poste 10, kaj nun jam 15 rubloj. Ni ne certas, ke tio jam estas optimuma sumo, tamen eĉ simbola pago (5 rubloj) tre gravis. Krome, dum du lastaj jaroj ankaŭ niaj E-instruistoj estas pagataj, ricevante parton de la kursopago. Ankaŭ tio sendube tre gravas.

5. Daŭron de la kursoj diktas al ni la fakto, ke la kursojn partoprenas multaj studentoj, kiuj dum la sesioj ĉesas vizitadi la kursojn kaj elritmiĝas. Tial ni aranĝas dufoje jare 3-monatojn kur-

sojn - aŭtune kaj printempe. La kurso konsistas el 12 lecionoj. Verŝajne tio estas iom malmulte, tamen diligentaj kursanoj, vizitantaj la kurson kaj laborantaj hejme, normale sukcesas.

6. Konsisto de la kursoj tre varias: de pioniroj ĝis pensiuloj. Kelkfoje estis aranĝitaj ankaŭ enlernejaj kursoj, sed ili fakte fiaskis. Tio nin konvinkis, ke lerneja kursanaro estas tre specifa kaj postulas tute specifan metodikon, pri kiu ni dume ne disponas. Do la lernejaj kursoj en nia analizo estas ellasitaj.

7. Tamen nur la fino kronas ĉiun aferon. Niaokaze tiu indikilo estas elcento de kursfinintoj. Ĉiuj pritraktitaj rimedoj influas ĝin. Ĉe ni la elcento de kursfinintoj variis depende de konkretaj cirkonstancoj de nulo ĝis 70% kaj tendencas stabile kreski, spegulante efikecon de la rimedoj. Ekzamenadon de la kursfinintoj ni konsideras nepra. Ekzameno aŭtoritatigas la kurson kaj ebligas al la kursanoj kaj la instruistoj vidi siajn (kaj alies) sukcesojn kaj mankojn. La ekzamenojn efektivigas ekzamena komisiono laŭ speciale ellaboritaj ekzamenaj biletoj kaj ekzamenaj taskoj, kiuj kongruas kun programo de elementa E-kurso.

8. Gravas, ke ni ne nur ekzamenas la kursfinintojn, sed ankaŭ atestas ilin ĉe sukcesa plenumo de la ekzameno. Ĉe la tri menciitaj tegmentaj institucioj ni aranĝis tipografie presitajn dulingvajn (ukraina - Esperanto) atestilojn, kiujn subskribas ne nur la instruisto kaj membroj de la ekzamena komisiono, sed ankaŭ direktoro de la institucio, kiu ankaŭ sigelas la atestilojn. La lastaj estas solene enmanigataj, la atestitoj ricevas E-insignojn. Entute jam estis atestitaj ĉirkaŭ 100 personoj, do meza elcento de atestitoj estas 20%.

9. Ĉio supre priskribita rilatas la elementajn kursojn kaj A-ekzamenadon. Kelkfoje en diversaj formoj ni provis aranĝi kursojn por progresantoj, do B-kursojn, tamen sen sistemo. Ni tamen aranĝas B-ekzamenojn por aŭtodidaktoj, kiuj atingis B-nivelon de E-posedo. Tiamaniere 19 personoj estis ekzamenitaj kaj ricevis B-atestilojn kun instruraĵto, do pri meza E-klero. Ĉi-jare du personoj ricevis jam C-atestilojn, do pri supera E-klero. Ni planas sistemigi la kursojn por E-progresantoj.

10. Celante sistemigi la instru-metodikan laboron, ni ellaboris sistemon por gradigo de esperantistoj kaj "Regularon pri E-ekzamenoj". En la lasta estas indikite, kiunivele necesas posedi Esperanton por sukcese plenumi A-, B- aŭ C-ekzamenon kaj ricevi atestilon respektive pri elementa, meza aŭ supera E-klero. La gradiga sistemo stimulas strebadon de esperantistoj al plua progresigo en la posedo de Esperanto. Konforme al la "Regularo" estas ellaborataj metodikaj materialoj por diversgradaj E-kursoj. Jam estas preparita kaj eldonita de USEA "A-radikaro. Minimuma radikaro por elementa kurso de Esperanto" kaj estas preskaŭ preta "B-radikaro". La instru-metodika fako de la klubo nun preparas lernmaterialojn por A-kurso.

Ni volonte komunikos pliajn detalojn de nia sperto al ĉiuj interesitoj kaj kun danko akceptos rimarkojn, konsilojn kaj kritikojn.

V.Enko (Kievo).

## IOM PRI LA "A-RADIKARO"

La aperigita ĉi-somere de USEA "A-radikaro" kun subtitolo "Minimuma radikaro por elementa kurso de Esperanto" celas esti utila helpilo por E-studantoj kaj instruistoj. Ĝi postulas tamen kelkajn aldonajn klarigojn, kiuj forestas en la enkonduko pro manko de loko.

La verko estas preparita enkadre de efektivigo de programo por sistemigo de E-instruado (vidu ĉi-supran artikolon) kiel helpilo por elementa E-klerigo. Ĝi estas intence ne vortaro, sed nur listo de radikoj por servi ankaŭ kiel memkontrolilo de lingvoposedo.

La "A-radikaro"estas kompilita laŭ oftec-principo. Do ĝi inkluzivas plej ofte uzatajn, plej necesajn radikojn, inter kiuj estas ĉiuj gramatikaj elementoj kaj vortfaradaj afiksoj. La radikoj estas selektitaj per analizo de ĉirkaŭ 30 diversnaciaj kaj diverst/empaj lernolibroj kaj vortaroj. Menciindas, ke la radikaro esence koincidas kun 5 unuaj grupoj de la Baza Radikaro Oficiala de E-Akademio. Tio atestas produktivecon de la aplikita oftec-principo. Tamen la formala oftec-principo iufoje estis konscie rompita aŭ pro sistemeco (ekz., por maloftaj korelativoj) aŭ pro konsidero de specifeco de E-movado en USSR.

Necesas ankaŭ rimarki, ke la radikaro enhavas 300 internaciajn radikojn, inkluzivitajn intence por montri al komencantoj, ke ili jam dekomence scias 30% da E-radikaro (kio proksimume spegulas realan situacion por slavlingvanoj).

La radikaro statistike obligas komprenon de mimimume 90% da E-tekstoj kaj paroloj, kio estas kontentiga por elementa E-klero.

Kompreneble, la aŭtoro ne pretendas senriproĉecon de la verko kaj kun granda danko ricevus ĉiujn rimarkojn, konsilojn kaj kritikojn pri la radikaro, uzonte ilin por pliperfektigo de la listo. Tiujn proponojn necesus konsideri ankaŭ por finpreparo de la "B-radikaro". Ĉiuj rimarkoj estu sendataj laŭ la adreso de USEA-prezidanto: 252097 Kiev, Lunaĉarskogo 1/2 - 53, Miŝĉenko V.O., ĉe kiu la "A-radikaro" estas ankaŭ mendebla kontraŭ 40 kop.

V.Enko (Kievo).

## "NEĜFLOKETO-79"

La 8-an - 10-an de marto 1979 okazos la jubilea, deka renkontiĝo "Neĝfloketo-79". Por scii, kie ĝin organizi, "Radieto" bezonas vian rapidan aliĝon kaj reeĥon. Kiel kutime, NF-79 havos tre riĉan kaj interesan programon, luksajn loĝeblecojn kaj neripeteblajn impresojn por la partoprenontoj. La baza kotizo 2 rub. estos por leterpapero, emblemo, premioj de diversaj konkursoj kaj organizaj elspezoj. Por loĝado kaj nutrado, depende de mendota ejo, oni devos pagi de 6 ĝis 9 rub.

Laŭ plano kaj tradicioj en la programo de NF-79 estos: seminario de aktivuloj - Libera tribuno - Vintra universitato - ekzameno "B" - interkona vespero - balo dediĉita al Internacia Virina tago - ekskursoj - konkurso pri turisma tekniko - karnavalo - kvizoj pri E-literaturo kaj E-movado - konkurso por la plej sprita teamo - fotokonkurso "Junularo aktivas" - lumbild-konkurso kaj filmprezentado - Belarta konkurso - ekspozicioj (murgazetoj, esperantaĵoj) - seminario pri turisma tekniko.

Nepre ne forgesu jam anticipe prepariĝi al la konkursoj, kunprenu materialojn por la ekspozicioj, kantaretojn kaj kompreneble bonan humoron.

Informu pri via partopreno ĝis la 10-a de januaro laŭ la adreso: 226050 Riga, p/k 45, A.Medinŝ. La 15-an de januaro ni sendos la duan informilon kun detaloj pri la loko, kie ni vin atendos.

Organiza komitato rezervas al si la rajton rifuzi partoprenon al personoj, kies ĉeesto ne estos dezirinda, kaj forigi partoprenantojn, kiuj ne subiĝos al la ordo de "Neĝfloketo".

Organiza komitato.

## STUDENTA E-AKTIVADO EN LVOV

Preskaŭ neniu laboro en Lvova E-klubo "Primavero" estas farata sen helpo kaj partopreno de niaj studentoj. Malgraŭ sia okupateco ili ĉiam trovas tempon por la kresko de nia komuna afero. Niaj stu-

dentoj-esperantistoj preparas prelegojn, partoprenas muzikajn ensemblojn, helpas organizi diversajn arangojn.

Dum solena vespero, dediĉita al Tago de Esperanto, aktive partoprenis la artan programon sovetaj kaj eksterlandaj studentoj: niajn E-kursojn partoprenas ankaŭ fremdlandaj studentoj el GDR, Ekvadoro, Peruo k.a. Studento el GDR J.Rojs deklamis versaĵon pri Esperanto, studentino el Peruo I.Rodriges kantis esperante hispanan popolan kanton, sovetaj gestudentoj prezentis ŝercajn scenetojn.

Ĉe ni koncertis kaj estis rekompencita per varmaj aplaŭdoj la studenta voĉa ensemblo de Lvova politeknika instituto "Akolado" - laŭreato de respublika konkurso. Ĝi prezentis, krom pluraj kantoj en naciaj lingvoj, la malnovan studentan kanton "Gaudeamus igitur" kaj "Napolan kanton" de P.Ĉajkovskij en Esperanto. La koncerton iniciatis esperantistino O.Ŝmorhun, kiu membras en la ensemblo. Dank' al ŝi ankaŭ partoprenis nian "Hungaran vesperon", dediĉitan al la amikeco inter la urboj-ĝemeloj Peĉ kaj Lvov, vira voĉa ensemblo de studentoj-hungaroj, kiuj studas en nia urbo. Dum unu E-vespero ĉe ni gastis studentoj el Tunizio, kiuj kantis siajn popolajn kantojn.

Imponan vesperon de internacia amikeco organizis en Lvova forstteknika instituto estro de la fremdlingva katedro docento J.Riger, vicprezidanto de LEK. La vesperon partoprenis ĉirkaŭ 300 studentoj el ĉiuj lvovaj altlernejoj. Aŭdiĝis kantoj en diversaj lingvoj, sonis E-versaĵoj invitante lerni la internacian lingvon.

Dum la vespero, dediĉita al la dudekjariĝo de nia klubo, bonege anoncis la programerojn gestudentoj el la forstteknika kaj medicina institutoj. La klubon salutis studentoj el Ekvadoro kaj Nepalo.

Ne malaktivas la studentoj dum niaj eksterurbiĝoj. Pro iliaj kantoj kaj ŝercoj multe pligajiĝas la ekskursoj.

Primaveranoj scias: lvova studentaro neniam trompos niajn esperojn!

O.Muraŝko, sekretariino de LEK.

---

## LA INSTRUISTO

Li ĉiam antaŭplanis sian laboron. Ankaŭ nun, havonte feriojn, li planis por tiu periodo 30 aferojn: mastrumajn, sociajn kaj plejparte - esperantistajn. La plano restis sur lia tablo kun plenumsigno ĉe 6 aŭ 7 punktoj. Plenumi la reston malhelpis la morto. Subita hazarda morto, tute ne atendita por li mem kaj por ĉiuj, kiuj estis apud li. La 27-an de septembro en Ĥmelnickij mortis Andreo Borisoviĉ Rogov, veterano de la landa Esperanto-movado.

Naskiĝinta en 1914, li jam en 1927 ekposedis la lingvon internacian. Lian nomon konas verŝajne ĉiu esperantisto en Soveta Unio kaj - kiel mi certiĝis ĉi-jare dum la 63-a UK - ankaŭ amaso da eksterlandaj samideanoj. Tamen unuavice Andreo Rogov estis instruisto. La milito fortiris lin el pedagogia instituto, kaj li devis uzi sian posedon de la germana lingvo kiel militesploristo. Brava leŭtenanto li aspektas sur la dummilitaj fotoj. La tutan militon marŝis tiu leŭtenanto kun la esplorista taĉmento antaŭ la armeo, preparante sukcesajn agojn por la lasta. Poste dum kelkaj jaroj li laboris en la Soveta milita reprezentejo en Aŭstrio. Kaj nur post tio kapitano Rogov, honorita pro sia kuraĝo per 12 militaj ordenoj kaj medaloj, revenis al la hejmloko por instrui infanojn. Li koresponde finis la pedagogian instituton en Vinnica, sed jam antaŭ tio, dank' al siaj neordinaraj metodoj de instruado, li iĝis konata en pedagogiaj rondoj. Kelkaj profesiaj artikoloj alportis al li rekonon tra la tuta Ukrainio.

Kiam Andreo Borisoviĉ komencis instrui Esperanton, tiu okupo ekdominis inter aro de aliaj ĝis la fino de lia vivo. La neordina-

raj metodoj, kiujn li praktikis instruante la germanan, estis lerte uzataj ankaŭ en liaj E-kursoj. Li inventis kaj kompilis plurajn dekojn da specialaj instruaj ludoj. "Parolantaj leteroj", per kiuj ĉiu lia lernanto povis sendi sian voĉon al eksterlandaj amikoj, elvokis ravon de la lernantaro.

Rogov estis instruisto landskala. En lia arkivo estas statistiko pri la progresigaj lecionoj, kiujn li gvidis en diversaj tendaroj. La statistiko klare montras, ke la kursojn de Rogov finis pli ol 150 progresantoj el E-kluboj de tuta Sovetio. Li diris, ke ne volas verki propran lernolibron, ĉar multas jam bonegaj lerniloj. Tamen lia originala "Amuza gramatiko de Esperanto" kaj la esplora verko "Leksiko kaj frazeologio" digne kronas lian pedagogian laboron en Esperantujo.

Lia eta tajpilo neniam restis sen laboro. Vasta korespondado okupis ĝin grandparte. Kiam eksentiĝis manko de informado, per ĝi estis tajpataj "Ukrainiaj Esperanto-informoj". Sed la ĉefaj laboroj de la tajpilo estis la almanako "Amikeco" kaj la multjara revo de Rogov - "Ukraina antologio". Estante bona tradukisto, Andreo Borisoviĉ mem altkvalite esperantigis multajn ukrainajn poeziaĵojn de Lesja Ukrainka, Ivan Franko, Stepan Rudanskij kaj de modernaj poetoj.

Centojn da poeziaj tradukoj li kolektis kaj redaktis. Nuntempe en lia arkivo troviĝas materialoj, sufiĉaj eble eĉ por trivoluma antologio, kaj se iam aperos tia, la unua nomo en la listo de preparintoj devas esti - Andreo Rogov.

Li estis konvinkita SEJM-ano. En la komencaj jaroj, dum la dolora naskoperiodo de la junulara movado, Rogov verŝajne la unua inter E-veteranoj subtenis nin. Diference de aliaj, li rimarkis en apartiĝo de la junularo ne skismon, danĝeran por la ĝenerala Movado, sed progresan paŝon al disvastiĝo de Esperanto. Kaj ne nur rimarkis, sed publike deklaris pri tio. Vere li devis havi kuraĝon kaj konvinkitecon por fari tion, ĉar de multaj siaj antaŭaj amikoj li ricevis kolerajn leterojn, kiuj titolis lin "perfidulo". Li vizitis SEJTojn en Kiev, Kesterciems, Kineŝma kaj Tiĥvin - ĉiam lia partopreno estis bonvena kaj utila. Nur lastatempe, kiam la Komitato de SEJM iĝis liaopinie tro burokrata, Rogov iom deflankiĝis de la junulara movado pro sia donkiĥota karaktero.

Jes, li apartenis al la gento de donkiĥotoj. "Esperanto mia, Esperanto" - tiel estis titolita unu el artikoloj pri li, aperinta en la regiona ĵurnalo. "Homo tute ne stulta, sed fanatika" - karakterizis lin unu loka potenculo. Eble ne ĉiam li ĝisfine komprenis la sencon de iu gazeta eldiro pri Esperanto, tamen eksentinte en ĝi ofendon por la lingvo, do ankaŭ por si mem, li ĉiam reeĥis per arda letero al la ofendinto, ne degnante ĝis diplomatia nivelo.

Same arde Andreo Rogov propagandis la lingvon. Li preparis aron da agitaj folioj, uzante fotojn, eksterlandajn leterojn, esperantaĵojn ktp. Kutima por li estis argumentado per eldiroj de eminentaj personoj. Sur lia labortablo restis la lasta fintajpita laboro: 200 eldiroj de eminentaj homoj pri la Internacia lingvo. Tiu laboro estis kompilata dum pluraj jaroj, multfoje korektata kaj refarata. Nuntempe ĝi enhavas nur tute fidindajn informojn kaj vere estas tre utila propagandilo de la lingvo.

Unu el la lastaj planitaj aferoj de Andreo Borisoviĉ Rogov estis organizo de la Renkontiĝo de ukrainiaj Esperanto-aktivuloj en Ĥmelnickij dum la novembraj festotagoj. La E-klubanoj de Ĥmelnickij firme certigis min, ke la renkontiĝo nepre okazos. Kaj unu tago en la programo estos dediĉita al la memoro de la Instruisto.

M.Bronŝtejn (Tiĥvin).

**SEJM-KOMITATO FUNEBRAS OKAZE DE LA FORPASO DE A.B.ROGOV - IAMA MEMBRO DE SEJM-KONSILANTARO (ESTRO DE MAGNETOFONA, POSTE METODIKA FAKOJ)**

## JUKANTA MUŜO DE REFORMISMO

Estante literaturisto kaj ĉiutage laboranto per la rusa lingvo, mi stumblis foje antaŭ simpla frazo: "Mi vin venkos". Dio mia, kiel skribi: ĉu "pobedju", ĉu "pobeĵu"? Lernolibroj ne donas respondon. Nur Visockij, neglektante ĉiujn regulojn, kantas: "Ĉudo-judo ja i tak pobedju...". Tamen por mi li ne estas aŭtoritato.

Trafinte la embarason, mi ekpensis, ĉu ne venis finfine tempo refari la rusan lingvon. Nu, kiel vi tradukos la simplan frazon: "Mi laciĝis skribante leteron"? Ha, vi ne povas! Mi – same. Do eble skribi al Prezidanto de la Scienca Akademio kaj proponi reformi la lingvon? Aŭ prefore sciigi gazetojn, atentigi konatojn? Tamen de tiu mispaŝo min detenis du kialoj. Unue, la rusoj tute ne rimarkas la mankojn de sia lingvo. Due, oni min batos per ŝtonoj kaj estos pravaj: ne tuŝu tion, kio apartenas al la tuta popolo.

Tute alie mi rilatas al Esperanto, nenies lingvo. Apenaŭ ellerninte ĝian fundamenton antaŭ Moskva festivalo en 1957, mi tuj, kune kun aliaj komencantoj, rimarkis en ĝi amason da mankoj. Nu, diru al mi, ĉu klara por vi estas la vorto "patro"? Vi pensas: jes. Mi montras, ke male: la vorto ne indikas, ĉu la ulo havas infanon. Se jes, nomu lin "patro", se lia infano mortis, li estas "pitro", se ankoraŭ ne naskiĝis – "potro". Kaj se li mem ne scias, ĉu li havas idon (ankaŭ tio eblas), tiam titolu lin "putro". Jen kiel riĉa povas esti nia Esperanto! Nur la esperantistoj obstinas: ne akceptas tiun brilan proponon, kiu tuj ĉion metos ĝustaloken! Ne, karaj samideanoj, mi ofendiĝis kaj ne plu proponos al vi reformojn. Vivu vi kun via neperfekta lingvo!

Tamen eĉ post tiu decido mi restis idea reformisto. Eĉ pli: la muŝo de reformismo jukas min senĉese. Mi ne scias kiamaniere, sed pri tio ekscìis unu samideano. Antaŭnelonge mi ricevis de li leteron kun tute neklara frazo: "Li kaptis fiŝon". Pripensu, skribis li. Ĉu la fiŝo jam estas kaptita, ĉu li ankoraŭ ĝin kaptadas. Mi ne sciis la respondon. Eble mi uzu participojn: estas kaptinta aŭ estas kaptanta? – proponis mi. Sed la ulo tuj pruvis, ke participo povas nur kripligi nian lingvon. Tamen mi demandis: ĉu estas eliro? Estas, li diris: prenu la vorton "sukcesi", forhaku la komencan "su" kaj algluu ĝin al la vorto... Nun mi sidas kaj pensas, kiel esprimi tiun simplan penson, ke fiŝo jam baraktas en mia reto: ĉu mi sukaptis fiŝon, aŭ sufiŝkaptis, aŭ fiŝsukaptis?..

Kun tiu zorgo mi venis al konata lingvisto. Li ne estas nia samideano, tamen li ion scias pri Esperanto. Li tuj montris, ke lingvo estas sistemo, kiu simple forigas ĉiujn mankojn per internaj rimedoj. "Ha, al vi ne plaĉas participo, – diris li, – sed ĝi jes estas en multaj eŭropaj lingvoj. Pro kio vi volas forpeli ĝin el Esperanto?" Rememorigante ĉiujn sensukcesajn lingvajn reformojn, inkluzive la lastan pri la rusa ortografio, li demandis: "Ĉu Esperanto estas matura lingvo?". Mi jesis. "Do estimu la lingvon. Ne ridindigu Esperanton kaj vin mem. Forpelu la jukantan muŝon de reformismo".

Do tion mi faras.

A. Ŝarkovskij (Moskvo).

## NACIAJ PROPRAJ NOMOJ EN ESPERANTO

La naciaj propraj nomoj venas al Esperanto el du lingvogrupoj – el tiu, kie regas fonema ortografio (ekz. la rusa, la litova), kaj el tiu, kie regas etimologia – historia ortografio (ekz. la angla, la franca). En la unua ĉiun fonemon, sendepende de ĝia pozicio, oni klopodas esprimi per la sama signo; en la dua oni skribas tiel, kiel iam oni elparoladis. Vene de propraj nomoj el la unua grupo ne prezentas problemojn por esperantistoj: plej ofte sufiĉas transli-

terigi fremdajn fonetikajn simbolojn al samsignifaj esperantaj (ekz. Šilas al Ŝilas). Absurdoj povas aperi, se oni penos transliterigi nomojn el la dua grupo. Se la anglan familinomon Shakespeare vi transliterigos al Ŝakespeare, oni ĝuste tiel legos: Ŝa-ke-spe-a-re! Produktiĝos elparolo nerekonebla malproksima de la originala. Se oni restigas la nacilingvajn, "aŭtentikajn" formojn, kiel ilin legi? Provu laŭ la reguloj de E-fonetiko tralegi "aŭtentikajn" familinomojn Kęstaičiūtė (litova) aŭ Szczurzębowski (pola). Kiujn solvojn proponas esperantistoj?

ESPERANTISTOJ, LEGU NACILINGVE!

Estonaj esperantistoj esprimis sian pozicion per "La mastro de Kõrboja", "Estona soveta poezio". Ilia reprezentanto H.Seppik /1/ asertas, ke ĉiu klera homo devas scipovi legi latinlitere skribitajn nomojn - almenaŭ tiujn de "la plej gravaj lingvoj", kiujn ja oni instruas ĉie, inkluzive Sovetunion.

En la angla, kies konatecon ofte sloganas la aŭtentikuloj, precipe malkoincidas sonsignado. Tion bele ilustras 22 anglaj vortoj kun la sama fonemo, sed signita ĉiam per aliaj simboloj: ate, bass, pain, pay, dahlia, vein, they, great, eh!, gaol, champagne, campaign, straight, feign, weigh, aye, obeyed, weighed, trait, halfpenny, Lord Reay, gauge !

Nun imagu povran esperantiston, ŝvitpenantan tralegi en la revuo "Esperanto" la prikongresajn artikolojn, farĉitajn per nomoj anglaj, polaj, hungaraj, diablo scias kiaj, eĉ ĉinaj. Por tralegi tiujn proprajn nomojn pli-malpli rekoneble, necesas havi komprenon pri kelkdeko da lingvoj. Sed neniu lernas ĉiujn instruatajn lingvojn, nenie oni instruas "ĉiujn lingvojn". Kaj Esperanton ja oni lernas por ne lerni multe da naciaj lingvoj!

"Mi finis universitaton kaj povus pli-malpli ĝuste tralegi germanajn kaj francajn proprajn nomojn. Sed kion mi faru pri la anglaj, hispanaj ktp.? Ĉu egalrajteco de nacioj, por kiu pledas esperantismo, konsistas en tio, ke angloj lernu litovan prononcadon kaj mi la anglan?" - demandis min nova esperantistino.

PLI BONE TRANSLITERIGO, OL NENIO

La latina alfabeto malbone respondas fonetikan strukturon de plejmulto el eŭropaj lingvoj. Pluraj el ili bezonis simbolojn por ekz. siblantaj sonoj, mankantajn en la latina. Ĉiu popolo solvis la problemon laŭ siaj kapabloj, sed plej trafe la ĉeĥoj, kiuj laŭ propono de Jan Hus ekuzis supersignojn. Komparu:

| Fonemo | francoj | germanoj | angloj | poloj | hungaroj | rumanoj | ĉeĥoj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| /ŝ/ | ch | sch; s+t,p | sh, s | sz, rz | s | ş | š |
| /ĉ/ | - | tsch | ch, tch | cz | cs | c+i,e | č |

Ĉu tiun ĉi kaoson ni portu en Esperanton? Ĉu ni parkerigu, ke la pola simbolo "y" kaj la estona "õ" signas la saman fonemon kaj ĝin proksimume povus signi la esperanta "i"? Certe ne! Tion memoru kaj uzu la esperantistoj de koncernaj nacioj.

Almenaŭ la nomoj el fonemskribaj lingvoj devus esti transdonataj per E-literaro. Min mirigas naciisma sinteno de la aŭtentikuloj, kiuj obstine skribadas: Szczipowski (pole), Schulz (germane), Budapest (hungare), anstataŭ Ŝĉipovski, Ŝulc, Budapeŝt. Ne estas vero, ke oni ne transliterigas el unu latinlitera lingvo al alia. Jen, angloj anstataŭ Československo skribas Czechoslovakia, polaj gazetoj skribis mian familinomon Szilas anstataŭ la originala Šilas ktp. Kial Esperanto ne uzu la saman rajton?

En E-teksto ne devus stari iuj literoj, krom la esperantaj. Kion fari pri simboloj, ne havantaj respondajn en Esperanto, ekz. la germanaj ä,ü, la litovaj ū, ė, la pola ł ktp.? Plej simple estus sensignigi ilin (a,u, e, l), eĉ se tio produktus iom alian sonon.

TIEL, KIEL ŜI AŬDAS

Unu el la ĉefaj avantaĝoj de E-fonetiko estas la principo: skribi laŭ prononco, legi tiel, kiel estas skribite. Ĝin obeas ankaŭ komunaj fremdaj vortoj, ekz. la latina "apotheca" post veno al Esperanto iĝis "apoteko". Kiel jam estis menciite, nur transliterigi ne sufiĉas. Ĉu ni, ne angloj kaj ne germanoj, legu la transliterigitajn Villiam (el William) kaj Nieĉe (el Nietzsche) tiel, kiel ni skribis? Origine oni prononcas Viljam, Niĉe. Ĝuste tiel ni devus ankaŭ skribi - foneme! Bonan ekzemplon montris al ni la iniciatinto de Esperanto, kiu sian familinomon skribis nek germanmaniere - Samenhof, nek rusmaniere Zamengof, sed laŭprononce - Zamenhof. Se la akcentloko de la nomo ne estas la antaŭlasta silabo, notu ĝin: metu akcentan strekon super la akcenta vokalo (ekz.á), substreku ĝin (a) aŭ presu ĝin diference de apudaj literoj (ekz. pli grase).

Konkretajn regulojn, kiel signi fonemojn praktike, devus ellabori esperantistoj de ĉiu koncerna nacio (en iuj kazoj oni transdonos ekz. "ä,q"per "ja, kv", en aliaj eble preferos "a, k"). Unu regulo tamen devas esti komuna por ĉiunaciaj esperantistoj: ĉiu skribita litero devas esti prononcebla kaj prononcenda. Ekz., la estona ĉefurbo devus esti skribata kun unu "n" en la fino - Tallin, ĉar du konsonantoj en fino de vorto ne prononceblas. La skribita formo eble iom ĝenos estonojn, sed - kredu min - ne alinacianojn.

Ni konfesu, ke ne por ĉiuj nomoj ni sukcesos certigi eĉ proksimuman samsonecon kun la aŭtentika formo: E-literaro povas ne sufiĉi. Kion fari - por atingi oportunecon en legado, necesos konsenti, ke iuj nomoj estu iom ŝanĝitaj... Ĉiuj lingvoj tiel procedas. Ekz., ĉinoj elparolas la nomon de la latva ĉefurbo Riga tiel: Licja. En la ĉina estas tre limigita kvanto de silaboj, kaj ĝi malfacile transdonas eĉ proksimuman sonadon de fremdaj propraj nomoj.

W.Gilbert /2/ al la fonetika transskribo atribuas helpan rolon kaj konsilas uzi ĝin enkrampe por noti elparolon de "originala nomo". Mi opinias - male! Se necesas, enkrampe prezentu la "originalan formon", sed preferu nur la fonetike transskribitan.

Dum estonta vasta uzado de fonema transskribado eble ekstaros la demando pri pli preciza prezento de iuj fremdaj nomoj. Mi supozas, ke por tiu celo la "internacia fonetika" alfabeto ne taŭgos pro la komplikeco. Verŝajne esperantistoj de apartaj nacioj analizos fonemojn, ne transdoneblajn per E-literaro, kaj proponos kelkajn signojn kaj literojn el sia alfabeto aŭ el la "internacia fonetika" aldone al la esperanta. Ekz., la internacia signo de longeco ":" (trovebla en ĉiu tajpilo) kontentigus ne nur germanojn, latvojn kaj litovojn, sed eĉ estonojn, kiuj por substreki longsonecon uzas duoblajn vokalojn. Se ni skribos "Ni:l, Si:tam" - ĉiu prononcos dece, se "Niil, Siitam" - plimulto legos la vokalojn aparte.

Cetere, la lingvoj kun etimologia-historia ortografio ne estas konsekvencaj: ili uzas ne nur la originalajn aŭ transliterigitajn nomformojn. Ekz., la francoj skribas la nomon de Puŝkin - Pouchkine /2/, laŭfoneme, sed ne transliterigite - Puchkin! Kial ni. esperantistoj, ne rajtu procedi analogie kaj anstataŭ france "Victor Hugo" skribi "Viktor Igo"?

ĈU ESPERANTIGI?

Nacia nomo, eĉ transskribita foneme, restas en Esperanto nomo fremda. Parto de esperantistoj /3/ konsilas esperantigi la nomojn per aldono de E-finaĵo, en certaj kazoj eĉ per traduko. Per tiaj proponoj la asimiluloj celas atingi ekvilibron inter rekono kaj facila prononceblo. Ili substrekas, ke nur transsonigitajn formojn malofte eblas uzi akuzative. Ni konfesu, ke la senakuzativa frazo kiel "Mi vidis Tbilisi" estas maleleganta, ke tia frazo povas esti konfuza: "Irena renkontis Tamara" - kiu kiun renkontis? Ja en Esperanto estas libera vortordo, sed la ekzemplo ne estas plia argumento por ĉion esperantigi, ĉar ne ekzistas seneliraj situacioj (onidire). Mi proponus en similaj okazoj uzi la finaĵon "-on" ...prepo-

zioie. Kial ne? Se vi aŭdos "On Irena renkontis Tamara" aŭ "Tamara renkontis on Irena", vi jam ne dubos, ke la subjekto estas Tamara.

Tamen plej ofte uzataj nomoj iom post iom esperantiĝos. Por eviti miskomprenojn kaj senbezonajn diskutojn (iam tro ardajn), necesus ellabori regulojn de esperantigo. Precipe tio gravas ĉe geografiaj nomoj (siajn proprajn ĉiu ja rajtas esperantigi kiel ajn). Laŭ mi, ne nepre ĉiuj asimilitaj nomoj havu la finaĵon "o"; oni povus konservi pluralon de la nacia formo, eĉ la kvazaŭvirinan "a". Ekz., la litova urbo Ŝjaŭljáj (Šiauliai) asimiliĝu al Ŝaŭloj (aŭ eĉ Ŝaŭlaj), la montaro Karpati al Karpatoj ktp.

KONKLUDE

Por rompi en E-literaturo la "lingvajn barojn", kiujn konstruis nacilingva skribado de propraj nomoj, ni ekskribu ĉion, ni eklegu ĉion en E-literatiro laŭ la reguloj de E-fonetiko! Se oni skribis "Auld" - legu "A-uld", sed ne anglamaniere "old". La aŭtentikan nomskribon uzu, kiam vi kopias adreson de via ekz. norvega korespondanto, ĉar norvega poŝtisto ne nepre scipovas Esperanton. Same, se vi citas literaturan fonton (tiam ankaŭ la artikol- aŭ librotitolon vi indikas originalforme).

LITERATURO

1. H.Seppik. Propraj nomoj en Esperanto. "Scienca revuo", vol. 25, N-2/3, 1974.

2. W.Gilbert. Pri propraj nomoj en Esperanto. "Paco", N-4, 1977.

3. W.Auld. Pri la transskribo de propraj nomoj, unuavice en literaturaj tekstoj. "Scienca revuo", vol. 21, N-4/5, 1970.

V.Ŝilas (Vilno).

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

ANONCIS EKSIĜON

ekde la 1-a de novembro 1978 la estro de Kolektanta fako V.Baniulaitis. La eksiĝo estas motivata per nekontento pri taksado de lia laboro fare de SEJM-Komitato. Aperigita en "Kurte" anonco pri akireblo de E-aĵoj ĉe KF validas nur ĝis la 15-a de novembro. Eventualaj pretendoj (skribe) akcepteblas ĝis la 1-a de decembro.

LA REDAKCIO RICEVIS

la almanakon "Amikeco", kajero 29. Ĝin malfermas ampleksa studo de B.Kolker "Lev Tolstoj kaj la internacia lingvo". En la numero troveblas krome: daŭrigo de fragmentoj el la taglibro de G.Taalmann, artikolo de P.Astafjev okaze de la 85-a datreveno de la naskiĝo de I.V.Lubjanovskij kaj versaĵoj de la lasta, originalaj poeziaĵoj de A.Kubulnieks kaj A.Koroleviĉ, artikolo de A.Rogov (evidente unu el la lastaj publikaĵoj de la forpasinto) "Krei 'Antologiojn' - la afero de nia honoro!", represita el "Lingvaj respondoj" artikolo de L.Zamenhof "Pri nomoj de landoj" kun postnoto de A.Vaitilaviĉius, kritika repliko de T.Lejboviĉ pri la enigmokolekto de R.Grinŝpan kun kontraŭrimarko de la redakcio, kelkaj tradukitaj belartaĵoj k.a.

PERDITAJ POENTOJ

Al SEJM-sekretario venis ankoraŭ kelkaj malfruiĝintaj raportoj por la dua periodo: Angarsk- 315, Miass - 145, Novosibirsk - 162, Tjumenj - 233. Tio jam ne povas ŝanĝi la anoncitajn rezultojn de la socialisma konkurado, sed eventuala ebleco konsideri ankaŭ tiujn poentojn por nova kategoriigo de la kluboj estas esplorata de la SEJM-Komitato.

La informilo estas uzenda nur enlande! Pintajpita 16.10.78.
Ĉiujn materialojn por "A" sendu al 121019 Moskvo d/v Aroloviĉu V.S.